# La GAZETO de la XXIVa
## UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Parizo : 30a Julio - 6a Aŭgusto 1932

Tarifo por Reklamoj: 300 frankoj po paĝo kaj proporcie por frakcioj ĝis 1/16 de paĝo. Rabato por ripetitaj enpresoj.

Ĉefredaktoro : Raymond Schwartz
Teknika Direktoro : L. N. Newell

Adreso de la Redakcio :
LA MAISON DE FRANCE
101, Av. des Champs-Élysées
PARIS-VIIIe

Nepresitajn manuskriptojn la Redakcio resendos, nur se ili estas akompanataj de respondkuponoj por la afranko.


## LA FUNDAMENTO ESTAS PRAVA

Ju pli alproksimiĝas la dato de l'solena malfermo des pli niaj pariżaj samideanoj multobligas la preparojn. Estu certaj, ke la Kongreso brile sukcesos. Vin ravos ne nur la eternaj allogaĵoj de nia urbo sed ankaŭ vigla kamaradeco de l' francaj Esperantistoj. Estos bone, post mizeroj de l' nuna tempo, sin retrempi en la idealan atmosferon de nia gaja Kongreso. Ĉar ĝi estos gaja.

Apenaŭ ni diskonigis nian intencon organizi gajan Kongreson, kiam tuj — neeviteble — aŭdiĝis ankaŭ la grumblanta voĉo de l' laŭprincipa ploremulo. Griza homo, kiu ŝirmas sian koron for de l' sunolumo. Nur unu festotagon li ŝatas dum la tuta jaro: Kriznaskon. La kongresa Pentekosto al li ŝajnas nur Penta Kosto.

« Puh, puh, » li riproĉis, kiam ni parolis pri gaja kongreso, « estus nedece. Tutmondaj suferoj, malesperoj ĉirkaŭas nin. Embuskas mizero kaj nin atendas morto. »

Jen homo, kies ĉefa legaĵo estas la *Funebra Parolado* de Bossuet. Sed ni Esperantistoj, kiuj aliras noblan celon, kiuj okaze de niaj Kongresoj efektivigas la belan sonĝon de l'homaro, ni por kiuj Esperanto estas pli ol filologia nutraĵo, pli ol velkintaj vortoslipoj, ni rajtas esti gajaj almenaŭ unu fojon ĉiujare. Vivi kiel bonuloj inter bonuloj. Ni rajtas dum la granda familikunveno inspiri nin de nia Fundamento.

Ho, miaj bonaj geamikoj, trastudu ofte nian Fundamenton. Ĝi estas fonto de vivsaĝeco. Malfermu ĝin kaj relegu sub tiu paragrafo 37-a la 5-an frazon. Kion ĝi diras ? — « La Parizanoj estas gajaj homoj. » Sen komentario.

Tial, malgraŭ averta voko de nia striga Puhpulo, ni konkludas, ke la Fundamento estas prava. Krom tio ĝi estas neŝanĝebla. Do ni, kiel bonaj Esperantistoj, akceptas ĉiujn konsekvencojn de tiu ĉi neneigebla fakto : « La Parizanoj estas gajaj homoj. »

R. S.

# La Kongresa Gazeto de 1914

[*La aŭtoro, s-ro Pichon, estis la Ĉefredaktoro de la Gazeto de la Kongreso en 1914. Li lernis Esperanton en 1908 kiam li estis ankoraŭ liceano en Liceo Henri IV. Kelkajn monatojn poste li helpis pri la fondo de la Franca Federacio de Junaj Esperantistoj, kies Prezidanto li poste fariĝis. Li ĉeestis preskaŭ ĉiujn universalajn kongresojn, krom tiu en Washington; kaj en tiu en Berne li gajnis la premion en la unua oratora konkurso. Li kunlaboris en diversaj Esperantaj gazetoj kaj en la* Revuo, *en kiu, post la morto de Carlo Bourlet, li verkis « Babiladojn ».* — La Redakcio.]

Ne sen ioma melankolio mi memoras pri tiuj monatoj dum kiuj ni preparadis la « Dekan ». Tiam, je dek sep jaroj pli juna mi estis.... Preskaŭ ĉiujn mi konservis la harojn.... Kaj tiu malfeliĉa, kompatinda *Kongresa Gazeto,* pri kiu la Loka Komitato de la baldaŭa Kongreso faras al mi la honoron peti artikolon, laŭvere hodiaŭ mortinto ĝi estas. Saluton mi donu al tiu ĉi mia spirita, mortinta filo!



Tute serioze ni ĝin prilaboris. Ĉiumerkrede (se mi ĝuste memoras), ni regule kunvenis, kaj rapide la Organizantaro komisiis min, tiam studenton en Sorbono, ke mi pli speciale prizorgu la *Gazeton.* Ĉiuj konfidis en mia lerteco — escepte min — kaj mi sentis min kvietigita nur kiam mi komprenis, ke pri miaj junulaj klopodoj atentas la okulo de la Ĝenerala Sekretario, Warnier. Amike li atentis, sed vigle.... Ĉar Warnier, mirinda afero, jam estis Warnier: tute same precizema, laborema, metodema, organizema, kiel nun. Eĉ pinĉajn okulvitrojn kaj marokenan paperujon li jam posedis.

Je redakcia vidpunkto, mi konsideris la *Kongresan Gazeton* kiel praktikan, vivantan, kaj se eble, amuzan ligilon inter ĉiuj partoprenontoj de l' Kongreso. Ne ĉiuj tiel opiniis. Gravaj personoj deziris komisionajn raportojn, cirkulerojn, dokumentojn el ĉia speco....

Laŭ la sama spirito, mi provis fari la *Gazeton* agrabla ne nur al cerbo, sed ankaŭ al okulo. Literfandejojn mi vizitis, tipkatalogojn mi trastudis. Speciale por la *Gazeto,* amiko Polgar aĉetis novajn tipojn Grasset por la titolo kaj vinjetojn de Roubille por ĉia rubriko. Aliparte, laŭ klasika kanono, mi tipografe verkis la tutan kajeron laŭ unu tipo, la moderna Cheltenham, praktika kaj eleganta ido de l' fama Elzévir. Fine, ilustraĵojn ni malavare lokis en la ĉefaj punktoj de nia gazeto.

La rezulto iom korespondis al miaj klopodoj. La kara Majstro, kun sia kutima afableco, bonvolis sendi propramove al la *Gazeto* aŭtografan leteron en kiu li varme gratulis. Ne malpli klara estis la reago de la kongresanoj.

Sed venis la malfermo de l' Kongreso. Tiu ĉi estis periodo speciale malfacila por la *Gazeto.* Temis, de tiam, ne plu dissendi la ekzemplerojn per poŝto al delonge konitaj adresoj, sed ilin ĉiutage redakti, presi kaj disdoni al tri miloj da personoj, por ke ĉiu el ili havu ĝustatempe la plenan programon de l' morgaŭo kaj ĝenerale ĉiujn informojn kaj komunikojn deziritajn de l' Kongresa Komitato kaj aliaj institucioj aŭ personoj. Feliĉe, helpon mi antaŭpreparis: por la redakto, mi estis invitinta hejmen mian hungaran amikon, Szikszay Elemér; li iom hezitis, pro la politikaj cirkonstancoj, lasi Anglujon, kie li somervojaĝis, por veni Francujon, sed post miaj leteroj certigantaj, ke sen ia dubo milito ne eksplodos (kaj tion ja kredis ĉiuj francoj), li venis Parizon; poste, li ne plu povis ĝisvojaĝi sian landon, kaj restis dum la tuta milito en specialaj barakoj, kio estis ja malagrabla, malgraŭ miaj helpoj, sed preskaŭ certe lin savis de morto batala.... Por presado, amiko Polgar — alia hungaro — estis promesinta specialan aron da laboristoj.... Por disdonado, mi havigis al mi luveturilojn *(taxis)* por preni la pakaĵojn de ekzempleroj ĉe Polgar kaj porti al la Kongresejo, Gaumont-Palace. Tie, ĉiu kongresano distranĉos unu kuponon de speciala sepkupona karto, ricevita en la akcepta koverto, kun la aliaj kongresaj dokumentoj, kaj interŝanĝe ricevos sian kajeron de la tute freŝa *Gazeto....*

Kaj tiel estis — unu vesperon.

Ĉar, dum ni pasie laboris por la sukceso de l' Kongreso, terura ventego amasiĝis en Serajevo. Silente ĝi alglitis Francujon kaj aliajn landojn. Subite, en la lastaj tagoj de julio, ektondris la unuaj ripetaj fulmoj de l' milito....

Tamen, en la vespero kiam mi alportis en aŭtomobilo la unuajn pakaĵojn de l' *Gazeto,* mi trovis sur la trotuaro de Gaumont-Palace la karan amikon Claudius Colas, kiu direktis la Esperantan movadon en katolikaj rondoj. Mi konfidis al li la teknikajn malfacilaĵojn por la pluaj numeroj. Li levis la ŝultrojn.

« Vi ne havos la tempon, mia kara. La okazantaĵoj iros pli rapide, ol vi! »

Efektive, de l' dua tago, dum tuta Eŭropo ekfajriĝis, la Deka Universala Kongreso de Esperanto decidis prokrasti la daŭrigon al alia tempo, kaj kune kun ĝi la *Kongresa Gazeto* haltis....

Kaj nun, pasis dek ok jaroj.... Mi maljuniĝis, kaj filoj kreskis ĉe mia flanko, preskaŭ tiom aĝaj nun, kiom mi estis kiam mi redaktis la *Gazeton de l' Deka.* Sed tiun forflugintan tempon, tiun tempon de ĉiutaga tragedio kaj morto ili ne konas, ili ne komprenas. Alia epoko naskiĝis, kies radikoj dronas en alia pasintaĵo. Dio faru, ke ili neniam konu nian pasintaĵon! Kaj al la nuna Kongreso li donu plenegan sukceson!

Sed koncerne nin, kies virigô okazis inter ŝrapneloj kaj kugloj, iu stranga, nedifinebla ĉarmo elŝprucas el tiuj monatoj de kamarada laboro por la Deka. De tiam, profesie, mi travojaĝis multajn landojn. Mi demandis la Sfinkson apud ruinoj de Romo kaj Kartago, tiel same, kiel apud kantantaj skandinavaj arbaroj. Mi intervjuis, laŭ okazoj, la estonan komandanton de l' sovjeta *Krassin* kaj kardinalon Ratti, en la preciza momento kiam tiu ĉi aliris la Konklavon por fariĝi la papo Pio XI.... Sed neniam en tiu ĵurnalista, moviĝema kariero, neniam mi travivis tiel fortajn impresojn, tiel mildajn esperojn, kiel en la tempo kiam mallerte kaj sensperte, sed kun junula fervoro, mi laboris por tiu humila *Gazeto* kiu tiam al mi estis la tuta mondo....

Charles Pichon,
*Generala Sekretario*
*de l' Sindikato de l' Francaj Ĵurnalistoj.*

# LA XXIV^A UNIVERSALA KONGRESO

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932

## OFICIALAJ SCIIGOJ

**Oficiala Invito :** La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto, Georges Warnier ; Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien ; Kasisto, Lucien Tuleu ; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell ; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

**Kongreseja Oficejo** *(adreso por ĉiuj korespondaĵoj)* : La XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto, La Maison de France, 101, avenue des Champs-Elysées, Paris-VIII.

**Komisionoj de la L. K. K. :** La L. K. K. starigis la jenan novan komisionon :

Komisiono pri Fakaj Kunvenoj : Prezidanto, Célestin Rousseau (adreso : La Maison de l'Esperanto, 3, boulevard Pasteur, Paris-XV) ; Sekretario, Maurice Duval.

**Banko :** La Société Générale (agence K), Paris (Konto N° 10.115). Ĉekoj estu pagotaj al la « XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto. »

**Poŝtĉeka Konto :** El multaj landoj estas plej oportune pagi sian kotizon per poŝta ĉeko. Oni adresu al « XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris 1647-59. »

**Karavanoj :** En diversaj landoj oni organizas karavanojn al la Kongreso. Ĝis nun oni oficiale informis la L. K. K. pri karavanoj en la sekvantaj landoj :

Britujo : skribu al The British Esperanto Association, 142, High Holborn, London W. C. 1, Anglujo.

Germanujo : skribu al s-ro Friedrich Ellersiek, Wilms-strasse 5, Berlin S. W. 61, Germanujo.

Holando : skribu al s-ro Jakob Telling, Ĉefdelegito de U. E. A., Bellevoystraat 36, Rotterdam, Holando.

Italujo : skribu al la Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano, Italujo.

Svedujo (ankaŭ por norvegoj) : skribu al s-ro Ernfrid Malmgren, Esperantista Turista Komisiono, Heleneborgsgatan 6, Stockholm, Svedujo.

La organizantoj de aliaj karavanoj estas petataj tuj komuniki kun la Ĝenerala Sekretario, por eviti duoblan laboron.

**Fakaj Kunvenoj :** Oni jam anoncis kunvenojn de la sekvantaj fakoj :

T. A. G. E. (organizanto : d-ro J. Dietterle, Steubenstr. 10, Leipzig W. 31, Germanujo).

« Literatura Mondo » (organizanto : Vilhelmo Bleier, Boráros-tér 6, IV, 11, Budapest IX, Hungarujo).

Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj (organizanto : s-ro René Chapron, 32, rue des Champs, Le Mans (Sarthe), Francujo).

Blinduloj (organizanto : s-ro Albert Masselier, 49, boulevard Fichot, Neuilly-Plaisance (S.-et-O.), Francujo).

Fervojistoj (organizanto : s-ro D. Dupuis, Inspecteur Principal, Services Techniques de l'Exploitation du Chemin de Fer du Nord, 95, rue de Maubeuge, Paris-X, Francujo).

Radio (organizanto : s-ro Henri Favrel, 27, rue Pierre-Guérin, Paris-XVI, Francujo).

Framasonoj (organizanto : « Esperanto », 8, rue Puteaux, Paris-XVII, Francujo).

Internacia Scienca Asocio Esperantista (organizanto : s-ro Célestin Rousseau, La Maison de l'Esperanto, 3, boulevard Pasteur, Paris-XV, Francujo).

Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (organizanto : d-ro G. Philippet, 15, rue Soufflot, Paris-V, Francujo).

**Ĉe-kursoj :** Por varbi novajn kongresanojn, la L. K. K. organizas Ĉe-kursojn en Parizo kaj aliloke en Francujo. Ĝis nun okazis tre sukcesaj kursoj en Parizo (Sorbonne, Ecole Normale de Sténotypie et Secrétariat, Ecole de Haut Enseignement Commercial pour Jeunes Filles, Agence Globe Trotter) kaj en Strasbourg. Ĉi tiuj kursoj servas ne nur por varbi kongresanojn, ili ankaŭ estas bonega rimedo por vigligi la lokan movadon. Grup-sekretarioj kaj aliaj estas petataj komuniki kun la Prezidanto de la Komisiono por Instruado, s-ro Jean Marchand, 49, avenue de Verdun, Issy (Seine), por ricevi informon pri la organizado de tiaj kursoj.

---

## Blindula Kaso

Unua Listo

L. Merkel, 21,25 ; A. Engelmann, 50 ; R. Robertson, 10,50 ; T. J. Gueritte, 50.

**Sumo, Fr. 131,75.**

### Subvencioj

Unua Listo

Subvencioj de Ĉambroj de Komerco : Parizo, 5.000 ; Aubenas, 50 ; Arles, 100 ; Nevers, 100 ; Bourges, 100 ; Montpellier, 500.

**Sumo, Fr. 5.850.**

---

### Donaca Kaso

Unua Listo

K. Paraskoff, 4 ; F. W. Locke, 11,50 ; T. J. Gueritte, 92 ; f-ino A. B. Edwards, 23 ; f-ino A. Fotherby, 25 ; f-ino Y. Mignon, 25 ; L. Merkel, 21,25 ; M. Arabeno, 3 ; A. Engelmann, 50 ; S. J. Ysselstein, 10 ; L. Le Cornec, 125 ; s-ino C. Le Cornec, 125 ; s-ino F. Staes-Vandervoorde, 13,30 ; Esperanto-Grupo de Orléans, 500 ; J. Zauner, 3,95 ; f-ino C. L. Pannevin, 20 ; J. Witkowski, 25 ; A. Bodereau, 5 ; M. Bodereau, 5 ; C. Tiard, 25 ; s-ino M. Tiard, 25.

**Sumo, Fr. 1.137.**

---

### Garantia Kaso

Unua Listo

E. Archdeacon, 50.000 ; G. Warnier, 50.000 ; C. Rousseau, 2.000 ; M. Rollet de l'Isle, 5.000 ; V. Polgar, 2.000 ; A. Engelmann, 1.000 ; M. Duperrey, 10.000.

**Sumo, Fr. 120.000.**

---

## DUA LISTO DE KONGRESANOJ

Kongres-numero

102. Maurice Prevost, rue de Coulmiers 16, Talence (Gironde), Francujo.
103. Herman Boucon, boulevard du Lycée 10, Annecy (Haute-Savoie), Francujo.
109. S-ino Félicie Staes-Vandervoorde, avenue de la Liberté 11, Koekelberg, Bruxelles, Belgujo.
111. S. Grenkamp-Kornfeld, boulevard Jourdan 117, Paris-XIV, Francujo.
164. L. Le Cornec, rue du Cirque 8, Paris-VIII, Francujo.
165. S-ino Céline Le Cornec, rue du Cirque 8, Paris-VIII, Francujo.
166. L. N. Newell, rue Monge 75, Paris-V, Francujo.
167. Ernest Menoret, rue de Coulmiers 33, Paris-XIV, Francujo.
168. Lucien Sergeant, boulevard Auguste-Mariette 31, Boulogne-sur-Mer (P.-de-C.), Francujo.
169. S-ino Alice Sergeant, boulevard Auguste-Mariette 31, Boulogne-sur-Mer (P.-de-C.), Francujo.
170. Georges Van den Bossche, Champ Vleminck 42, Antwerpen, Belgujo.
171. Louis Richard-Millet, place de Beaune 7, Chalon-sur-Saône (S.-et-L.), Francujo.
172. Xavier Bernard, rue Pierre-Joigneaux 26, Bois-Colombes (Seine), Francujo.
173. S-ino Hélène Bernard, rue Pierre-Joigneaux 26, Bois-Colombes (Seine), Francujo.
174. F-ino Simone Bernard, rue Pierre-Joigneaux 26, Bois-Colombes (Seine), Francujo.
175. Jean Bessemoulin, rue de la Tuilerie 9, Garches (S.-et-O.), Francujo.
176. Julien Guadet, pavé des Gardes 2, Chaville (S.-et-O.), Francujo.
177. Edmond Pramayon, avenue de St-Cloud 89, Versailles (S.-et-O.), Francujo.
178. Edmond Lefebvre, rue François-Gaillard 18, Viroflay (S.-et-O.), Francujo.
179. Charles Violette, boulevard Gambetta 52, Saint-Quentin (Aisne), Francujo.
180. E. Deligny, rue Albert 4, St-Omer (P.-de-C.), Francujo.
181. S-ino M. Magnus, rue St-Eloi 15, Orléans (Loiret), Francujo.
182. Léon Belhoste, rue Albert I^er 8, Fontenay-sous-Bois (Seine), Francujo.
183. S-ino S. Belhoste, rue Albert I^er 8, Fontenay-sous-Bois (Seine), Francujo.
184. Léon Moissenet, boulevard Heurteloup 17, Tours (I.-et-L.), Francujo.
185. Louis Bouvier, rue Saint-Martin 2, Poix (Somme), Francujo.
186. Joseph Spruŝansky, Zupná 13, Komárno, Ĉeĥoslovakujo.
187. Alfred Mittey, rue Ordener 45, Paris-XVIII, Francujo.
188. S-ino Suzanne Mittey, rue Ordener 45, Paris-XVIII, Francujo.
189. Jean-Marcel Mittey, rue Ordener 45, Paris-XVIII, Francujo.
190. Jean Balliman, rue de Provence 5, Paris-IX, Francujo.
191. Léon Beaumel, rue des Lois 5, Toulouse (Haute-Garonne), Francujo.
192. Pierre Philippet, rue Soufflot 15, Paris-V, Francujo.
193. D-ro G. Philippet, rue Soufflot 15, Paris-V, Francujo.
194. André Marchandon, avenue des Charentes 5, Limoges (Haute-Vienne), Francujo.
195. S-ino M. C. Major, rue de Courcelles 46, Paris-VIII, Francujo.
196. F. B. Bourdillon, The Oaks, Headington, Oxford, Anglujo.
197. F-ino Françoise Mourguiart, rue Genès 20, Bordeaux (Gironde), Francujo.
198. Célestin Picoux, boulevard Sévigné 101, Rennes (I.-et-V.), Francujo.
199. Georges Prud'hon, rue Castel 15, Fontenay-sous-Bois (Seine), Francujo.
200. S-ino Jeanne Prud'hon, rue Castel 15, Fontenay-sous-Bois (Seine), Francujo.

201. Héctor FONTAINE, rue Eugène-Manuel 1, Paris-XVI, Francujo.
202. E. JOUIS, route de Neufchâtel 38, Rouen, Francujo.
203. F-ino Mario CASTEL, rue Jean-Laffitte 22, Toulouse (Haute-Garonne), Francujo.
204. Edmond Lucien GRENIER, rue Cernuschi 9, Paris-XVII, Francujo.
205. Josefo ZAUNER, Strada Lonovici 1, Timisoara, Rumanujo.
206. D-ro M. A. BRIQUET, boulevard Montebello 48, Lille (Nord), Francujo
207. Henri BARBIER, rue des Monts-Clairs 52, Colombes (Seine), Francujo.
208. F-ino Marcelle TOTH, rue Armande-Silvestre 99, Bécon-les-Bruyères (Seine), Francujo.
209. F-ino C. L. PANNEVIN, rue de la Paix 134, Boulogne-sur-Mer (P.-de-C.), Francujo.
210. F-ino Madeleine BANCE, rue de Thérouanne 137, Saint-Omer (P.-de-C.), Francujo.
211. Vincenzo MUSELLA, Via Ferdinando Palasciano 17, Napoli, Italujo.
212. F-ino Anna MUSELLA, Via Ferdinando Palasciano 17, Napoli, Italujo.
213. Maurice DUVAL, rue St-Jacques 4, Montmorency (S.-et-O.), Francujo.
214. J. WITKOWSKI, Ranville (Calvados), Francujo.
215. Léon CAILLET, Ecole Primaire Supérieure, La Mure (Isère), Francujo.
216. Henri FAVREL, rue Pierre-Guérin 27, Paris-XVI, Francujo.
217. J. E. MOREAU, rue des Fossés-St-Bernard 24, Paris-V, Francujo.
218. Auguste MORAN, rue Cardinet 27, Paris-XVII, Francujo.
219. Achille BODEREAU, boulevard J.-J.-Rousseau 212, Le Mans (Sarthe), Francujo.
220. Marcel BODEREAU, boulevard J.-J.-Rousseau 212, Le Mans (Sarthe), Francujo.
221. Charles TIARD, rue du Faubourg-St-Denis 209, Paris-X, Francujo.
222. Jean MARCHAND, avenue de Verdun 49, Issy (Seine), Francujo.
223. S-ino Marthe TIARD, rue du Faubourg-St-Denis 209, Paris-X, Francujo.
224. F-ino Simonne DECAUDIN, faubourg Baudimont, Arras (P.-de-C.), Francujo.
225. Louis MACKE, rue de Douai 7, Arras (P.-de-C.), Francujo.

**Laŭlanda Statistiko :** Belgujo, 15 ; Ĉeĥoslovakujo, 2 ; Francujo, 84 ; Germanujo, 4 ; Granda Britujo, 16 ; Hispanujo, 2 ; Italujo, 3 ; Nederlando, 2 ; Polujo, 9 ; Rumanujo, 1 ; Svedujo, 3.

**Entute, 141 kongresanoj el 11 landoj.**

L. N. NEWELL,
*Generala Sekretario de la L. K. K.*

# Nediskretaj Rimarkoj

KONVERSACIO

Hodiaŭ mi deziras konversacii iom kun vi laŭ la Ĉe-metodo. Forte ! Kuraĝe ! Kaj elegante !

Forte ? Skriba konversacio, mute silenta, povas esti forta nur metafore.

Kuraĝe ? Mi tion, evidente, dezirus. Sed mi multe timas la ĉefredaktoran papertranĉilon.

Elegante ? Mi tion provos....

Pri kio ? — Al grand-sinjoro, grand-honoro ! Mi do komencos per Ĉe-kursoj.

Kio estas Ĉe-kurso ? — Granda amaso da popolo, plejparte ne parolanta Esperanton. Ĝi sidas sur la benkoj, staras en intervicaj spacoj, surgrimpas reciproke siajn ŝultrojn en la koridoroj kaj kune krias : « Ni estas kontentaj ! Ni estas feliĉaj ! »

Kontentaj ili estas efektive, feliĉaj ankaŭ, tiuj homoj, venintaj el plej malproksimaj punktoj de la urbo kaj de la ĉirkaŭ-urbo, ĉar iom post iom, malrapide, sed certe, falas por ili la « obstinaj baroj » kaj ĝoje eniras ili en la « rondon familian » de la Esperantistaro. Facile kaj ĉarme fluas la paroloj el la buŝo de la instruisto. Oni forgesas, ke oni ĉeestas kurson, kaj tiu Ĉe-esto ŝajnas ia magia, nemateria esto....

Sed, mi aŭdas vin. Vi demandas : « Kial do tiu utila verko, tiu Ĉe-Instituto staras ekster la oficialaj institucioj de Esperanto ? Kial ĝi ne estas oficialigita ? »

Mi plene konsentas kun vi. Kaj persone, en tiu grava statuto de nia movado, pri kiu tamen temos dum nia XXIV-a Kongreso, mi vidas la neceson de triopa unueco : Lingva Komitato kun Akademio, Internacia Instrua Instituto, Internacia Unuiĝo de Propagandaj Societoj kun siaj plenum-organoj. Propagandaj societoj preparas la grundon kaj la Internacia Instrua Instituto, konsistanta el du gradoj, elementa kaj supera, semas (la elementa) kaj rikoltas (la supera). Sed tio estas eble tro bela revo ... eble sugestia anticipo....

Dume, tamen, ne atentante pri tio, la Ĉe-Instituto laboras, ĝi kreas centojn da novaj Esperantistoj kaj inspiras al ili amon kaj admiron por la genio de nia lingvo.

« Ĉu vi estas feliĉaj ? »

« Jes, sinjoro Ĉe, ni estas feliĉaj. Kaj ni dankas vin pri via senlaca kaj talenta penado, vin kaj viajn kunlaborantojn. »

JOSEPH NELS.

# REORGANIZADO

Per Esperanto la ideo de lingvo internacia kaj ĝia problemo efektiviĝis kaj solviĝis. La helpa lingvo estas vivanta realaĵo kaj tial ĝia elirpunkto, *la ideo mem,* perdis el sia alloga forto. Ĝi fariĝis lingva rimedo por diversaj mondperceptoj kaj antipodaj korporacioj, starantaj flanke de la movado mem, kaj ĝi fariĝis *socia problemo.* Simple dirite : Esperanto ne estas plu objekto de nura entuziasmo por certa grupo de idealistoj, sed ĝi estas venkanta inventaĵo, je kies alproprigo kaj utiligo havas rajton ĉiu praktikulo kaj kiun enkonduki en la mediojn indiferentajn aŭ ĝis nun kontraŭstarantajn estas *la devo de la organizaĵoj,* apartenantaj al la Esperantistaro.

La sperto montras, ke la ne klare difinita « nova sento » havas efikon nur por entuziasmaj revemuloj, sed por raciaj idealistoj, por progresemaj intelektuloj ĝi ne havas allogan forton. Ilin retenas, ofte ilin forigas el niaj aktivaj batalantoj la bedaŭrinda fakto, ke nia movado estas konsiderata stranga sekto de nova religio. Ne tiel estas en la realeco, tamen necese, ke ni konu la opinion kaj postulojn de tiu mondo, kiun ni volas konkeri por la lingvo internacia.

La propagando pri *praktikaj valoroj* nur kompromitas nian movadon ĝis efektiva kreo de la promesitaj praktikaj valoroj. Jen la ĉefa kaŭzo de tio, ke nek la *kvanto,* nek la *kvalito* montras la bezonatan progreson. La nombro kaj forto de la movado jam permesas al ni ŝanĝi la taktikon. Ni forlasu iom post iom la eluzitan vojon kaj unue ni kreu faktojn kaj poste ni propagandu ! Ni vivas ja en la periodo de la belsonaj promesoj, al kiuj jam neniu kredas. Ni ne promesu, sed donu ! Uzante racie la propran forton de la Esperantistaro ni faros Esperanton tio, kio ĝi devas esti : necesa vivelemento de la moderna socia vivo.

Por havi allogan forton ni bezonas idean bazon, klare difinitan celon. Mi proponas por deklaro : *Per Esperanto por la Kulturo kaj Socio.* Tiun idean bazon povas akcepti ĉiu kulturhomo, kies aspiroj celas progreson. Kion signifas tio ? Partoprenon en la kreado de kulturo, en kiu ĉiu popolo retrovas sian egalrajtecon, kaj per kulturrimedoj akceli la reciprokan estimon inter la nacioj.

Estas necesa la deklaro de principoj, kiuj karakterizas la oficialan sintenadon de la movado en la agado. Mi proponas : *konservativismo en la gardado de la naciaj valoroj kaj racia progresemo al la celoj de la homa solidareco.*

Mi konscias pri tio, ke tia deklaro la nuntempan movadon senigos de la neŭtrala karaktero, sed ni konsideru la fakton, ke per neŭtraleco neniu venkis. Tiamaniere la movado fariĝos ĝenerala. En tiu ĝenerala movado efektivaj fortoj batalos por la difinita celo, kaj ĉiu aktivulo trovos sian taŭgan terenon. La problemoj de la movado ne estos plu prisilentataj abscesoj, sed ili estos zorge operaciitaj laŭ la decido de la respondeca Parlamenta Kongreso, kies enkondukon ne la Esperantistaro, sed la Vivo mem postulas, la Vivo konstante evoluanta.

La ĉefaj kaŭzoj de la nuna stagnado estas : manko de decidrajto de la Universala Kongreso, senprogrameco de la movado, neekzisto de batalkapitalo, ignorado de la specialaj problemoj, propagando tro afiŝa kaj ne unueca, interna batalo de oficialaj kaj duonoficialaj organizaĵoj, manko de disciplinhavaj edukantoj, specialistoj, troŝarĝigo de kelkaj aktivuloj kaj fine la ekonomia krizo.

La supraj vortoj ne entenas akuzon kontraŭ kiu ajn, sed ili estas nekontesteblaj faktoj. La nuna organizo ne disponas pri la forto, per kiu ĝi povus neniigi ilin. Estas necese, ke renovigita organizo aprobita de la tuta Esperantistaro, kun freŝa forto kaj kun celkonscia ambicio, havu rajton kaj kuraĝon agi senprokraste. Eĉ tiam la bona rezulto ne vidiĝos tuj post la enkonduko de la nova sistemo. Ĉiu resaniĝo kaj evoluo bezonas tempon.

Reorganizi la movadon estas nepre necese. Sed kiamaniere ? Per konservo kaj evoluigo de la ekzistantaj efektivaj valoroj kaj per enkonduko de kelkaj reformoj. Forigo de U. E. A., aŭ de I. C. K., aŭ la nunaj naciaj societoj kaŭzus tian perdon de ekvilibro, kiun eĉ riski estus krimo. Tia reorganizado facile povus neniigi la kvarjardekan laboron de niaj antaŭuloj.

La difinita longeco de mia artikolo malebligas la detalan konigon de miaj proponoj kaj la argumentan motivadon. Por interesiĝantoj mi rekomendas mian memorandon al la Esperantistaro kaj al ĝiaj gvidantoj. Titolo : *Publika letero pri la reorganizado.* Por unu poŝta respondkupono ĝi estas ricevebla ĉe la Hungarlanda Esperanto-Societo, Budapest VII, Dahány u. 76. Estas preskaŭ neeble doni klaran bildon pri tio, kion entenas la 23-paĝa grandformata broŝuro, tamen mi penas prezenti al vi almenaŭ la resumon de la proponoj.

*(Daŭrigota.)* Julio Baghy.

---

# NIA TITOLO

Ĉi tiun monaton nia titolo estas kompostita en la karaktero Garamond, kiu estas bazita sur la literoj de Claude Garamond, tre fama presisto de la XVI-a jarcento. La laboro por la regravurado de tiaj literoj estas tre granda ; kiam la desegnisto, s-ro Georges Peignot, de la fandejo Peignot, ĝin prilaboris, li devis detale ekzameni dek-tri librojn, kiuj estis ekster dubo presitaj de Claude Garamond mem. Li elektis por ĉiu litero la formon, kiu estis la plej tipa, kaj kredeble ĉi tiu literaro estas la plej perfekta el ĉiuj imitoj de la karaktero origine desegnita de Claude Garamond.

Estas interese rimarki, ke la reeldono de antikva literaro ne konsistas nur el kopiado de literoj trovitaj en libro : pro la neperfekta fandado en pasintaj jarcentoj, kaj pro la fakto, ke oni presis sur malseka papero (kio tute misformis la literojn post sekiĝo), la artisto, kiu deziras redesegni antikvan karakteron, devas fari al si, per zorga esplorado, tre klaran ideon pri la originala intenco de la kreinto de la karaktero. La moderna artisto faras tute novan, krean laboron ; kaj, efektive, se oni kritike ekzamenos la titolon de ĉi tiu numero, oni konfesos, ke la artisto kreis belan verkon.

La titolo estas kompostita kaj kliŝigita de la fandejo Deberny & Peignot, kiu eldonis la karakteron.

# NI BABILADU PRI PARIZO

Dum la jarcentoj, la internaĵo de la ĉefpreĝejo ne ĉiam estis kiel ĝi aspektas nun. Mezepoke ne estis kapeloj flankaj. Ekzistis nur unu altaro, tre malalta, tie, ĉe la enirejo al la ĥorejo, kaj malantaŭ ĝi estis alta moŝta seĝo, sur kiu sidadis, dum la diservoj, la episkopo. De tiel alte li vidis la vizaĝojn de ĉiuj geĉeestantoj, eĉ de la diservanto.

Tiam la preĝejo estis uzata por plenumo de multaj aferoj. Tie la popolo kunvenis; oni tie malsklavigis la servutulojn, ludis la « misterojn » (religiaj teatraĵoj), solenis la feston de la Frenezuloj, preteksto por diboĉo kaj malpiaj agoj; oni tie festenis, ĵuris super la evangelioj, deponis valoraĵojn, redaktis gravajn kontraktojn, k. t. p.

Tien, dum 1229, grafo de Toulouse, Raymond VII-a, venis nudpiede, vestita nur per ĉemizo, por peti absolvon de la papa legato. Reĝo sankta Ludoviko (en 1239), ankaŭ nudpiede, alportis en la ĉefpreĝejon la sanktan dornan kronon de Kristo, kiun donacis al li la lasta latina imperiestro de Konstantinoplo. Reĝo Filipo la Bela kunvenigis tien, en 1302, la unuan deputitaron, k. t. p. Ni uzu la « k. t. p. », ĉar ni ne povas noti ĉiujn gravajn historiaĵojn tie okazintajn.

Nun ni foriru de tiu parto de la Insulo al la okcidenta.

Ni do transiru la antaŭpreĝejan placon, sur kiu staris la iama hospitalo *Hôtel-Dieu* kaj ankaŭ la Turo por la Trovitaj Infanoj. Dekstre de ni, tiu granda konstruaĵo estas la nuna *Hôtel-Dieu,* sur kies loko estis iam densa kvartalo. Dum mezepoko estis tie, inter aliaj, la strato de Glatigny, kie troviĝis la unuaj malliberejoj de la antaŭa urbo Lutèce, kaj kie sankta Denis estis malliberigita. Parto de tiu strato estis nomita « Valo de Amo » pro la multaj tie loĝantaj virinoj, kiuj, amemaj al ĉiuj, promenis tra la kvartalo kun arĝenta taso ĉe la zono kaj proponis al la pasantaj viroj, ke ili venu kuntrinki. Strangaj tempoj, dum kiuj tiuj virinoj dimanĉe legis sur sia preĝolibro siajn dimanĉajn preĝojn, atendante la alvenon de iu ajn monhava amoto.

Ni alvenas al la nuna florvendejo kaj lasas dekstre de ni la hospitalon, kies korteto kuŝas sur la loko, kie estis pilgrima preĝejo : « Sankta Denis de la Chartre ». Tie la pilgrimantoj rigardis avide la ĉelon de la Glatigny'a malliberejo, kie, antaŭ sankta Denis enkatenigita, Jesu-Kristo mem diris la meson.

Ni lasu je nia dekstra flanko la florvendejon, kie ĉiumatene (en 1793) la



LA KATEDRALO NOTRE-DAME
KAJ KAJOJ DE LA RIVERO SEINE

*citoyenne* (ŝtatanino) Richard aĉetis diantojn por reĝino Marie-Antoinette, malliberigita en la *Conciergerie* (Pordistejo), parto de la *Palais de Justice* (Palaco de Justeco), kien ni nun iras.

Tie la romanoj konstruis bazilikon, kiun anstataŭis fortikaĵo starigita de la Meroveidaj reĝoj (VII-a jarcento) kaj en kiu ili loĝis. Forlasita de la Karlidaj reĝoj, tiu fortikaĵo denove iĝis reĝa loĝejo por la unuaj Kapetidaj reĝoj (X-a jarcento). De tiuj tempoj datumas la plej antikvaj kaj plej belaj partoj de la palaco, nun juĝejo. De la XIV-a jarcento ĝi ja

estas nur malliberejo, juĝejo kaj, ĝis la Revolucio, kunvenejo de tiama leĝistara *Parlement*. Du interesaj partoj estas *Conciergerie* kaj la *Sainte-Chapelle* (Sankta Kapelo). Dum la mezepoko la gardado de la kasteloj estis plenumata de pordisto, grava oficisto. La parton de la kastelo, en kiu li loĝis, oni nomis «Pordistejo». Jen la deveno de la nomo de nia vizitotaĵo.



LA TURO SAINT-JACQUES

Ni denove sekvu la gvidiston, kiu montras al ni la belajn arkaĵajn ĉambregojn de la «gvardianoj», de «sankta Ludoviko» (XIII-a jarcento), la galerion nomitan «strato de Parizo», tial ke dum la Franca Revolucio ĉiuj kondamnitoj eltirataj el tuta Parizo trapasis ĝin aŭ restadis en ĝi, atendante la momenton iri al la gilotinejo. Ni vidu la karcerojn de reĝino Marie-Antoinette, senkapigita en 1793, de la poeto A. Chénier, de la fama revoluciulo Robespierre, k. t. p.

*(Daŭrigota.)*

ELBE.

## Kuriero de la Kongreso

*Multaj demandoj, kiujn ni ricevas, interesas ĉiujn kongresanojn. Tial ni lasis tie ĉi angulon, kie la Kongresa Kuriero, nia amiko Jean Marchand, provos kontentigi la scivolemon de aliĝintoj kaj aliĝemuloj.*

S-ro J. L. C. B., N° 122 (Anglujo) : *a)* Via anonceto kostas kvar frankojn. *b)* Tre kredeble dum la Kongreso oni organizos vegetaran restoracion kaj ankaŭ tendaron por kongresanoj. La L. K. K. informos ĝustatempe pri ĉi tiuj detaloj. *c)* Biciklo-deponejon ni ne povas indiki al vi. Sed ĉiu malgranda kafejo en Neuilly akceptos gardi vian maŝinon kontraŭ kelkaj moneroj, aŭ trinkaĵoj. *ĉ)* Nia kongresejo estas tute nova konstruaĵo ; sed, male, rue Saint-Victor estas malnova strato. Vi trovos ĝin sur via plano apud rue Monge kaj rue des Ecoles.

J. M.

## Anoncetoj

*Kongresanoj kaj aliaj, kiuj deziras trovi korespondanton, povas publikigi anonceton sub tiu ĉi rubriko. La prezo estas unu franca franko por ĉiu linio (el sep vortoj) aŭ parto de linio.*

S-ro J. L. C. BLUETT (adreso : South View, Chesswood Road, Worthing, Anglujo), anglo, 47-jara, intencas bicikli al la Kongreso kaj deziras renkonti alilandan Esperantiston, en Parizo.



Centra Presejo Esperantista (V. POLGAR), 33, rue Lacépède, Paris — *Le Gérant :* RAYMOND SCHWARTZ.